# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 12/01/2013 Naŭdek tria Eldono 2012 13/01/2013 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj




Jen bildo desegnita de pakistana esperantistino. Amike, Nicole

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. . Skribu

**ALKLAKU la hiperligilojn** markitajn tiel

# Lingvo

## Esperanto-RetRadioj.

Mi estas aŭskultanto de tiel nomataj Esperanto-RetRadioj. Mi aŭskultas regule nian E-RetRadion kaj la Polan RetRadion. Liberatempe danke al speciala paĝo http://esperanto-radio.com/ mi facile kaptas kelkajn aliajn podkastojn, inter ili estas: Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Sur la paĝo troviĝas ankaŭ radio Muzaiko, kiu elsendas tutdiurne siajn variajn programerojn. Andreo Bach el Gdynia en Pollando



AŭSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION** TAGE Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton
http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## 3ZZZ

En Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a ptm je 92.3 FM



De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je 3zzz.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au. Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj
Kontaktu 3zzzesperanto@gmail.com
Kelkaj relative novaj elsendoj ne estas nun aŭskulteblaj en la arkivo (Nicole)

***Fabeloj Ilustritaj*** Diablo kun tri Oraj Haroj

http://w.kunlaboro.pro.br/esperanto/fabeloj/

# Nomoj de Aŭstraliaj bestoj



Karaj,

Kiu besto estas sarkofilo? Se vi ne scias, rigardu tiun mallongan prezenton kun 41 aŭstraliaj bestoj kun nomoj en la angla kaj en Esperanto.

http://tripwow.tripadvisor.com/tripwow/ta-0736-3776-f585?lb

Amike, Nicole

# KLUBNOVAĴO





Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

## La kluba listo kreskas





Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? . rspring@tpg.com.au

Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## Central Coast Esperanto Club

kunvenis Sab 2ptm 12a jan 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

Ni nun havas Facebook paĝon kaj ankaŭ, ni estas ĉe
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## La Melburna Esperanto Klubo

La Melburna Esperanto Klubo renkontiĝis ĉe Ross House je 6.30 ptm lunde.

" **Melburno Esperanto-Klubanonco.**

Kiel kutime, la Melburna Esperanto-Klubo ne renkontiĝas post la Zamenhofa Festo ĝis la 14a januaro 2013.

Ni petas Melburnajn Esperantistojn ĉeesti tiun kunvenon por helpi kun la Bonvena Kongreso!
Dankon, Heather Heldzingen"

## Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunsidas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



## La Manlia Esperanto-Klubo Ĉiuj bonvenaj.

Unu taso da senpaga kafo Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;
Manlio kunvenis la 5an de Januaro. Venis 7.
Roger Springer, Chris Holliss, Eunice Graham, Ian Wylles, Dale McManus, Rainer Kurz, Jonathan Head.
Manlio kunvenos la 19an de Januaro.



## Esperanto-Domo Sidnejo

BBQ lastaj dimanĉoj de la monato
(Kunvenos 27 januaro 2013)
Ĉiuj bonvenaj



## Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

La Torkio grupo konsistas de lokaj loĝantoj kaj vizitantoj de Melburno.
Ni celas esti amikaj kaj agrablaj, kaj plibonigi nian esperantan kapablon.
Ni babilas pri kaj per Esperanto - kaj ni trinkas kafon!
**tel 03 5261 2899 M 0421043272**
https://sites.google.com/site/torquayesperantoweb/

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001
Melburna Kongreso: vidu AE91 heather@melburno.org.au
Goodwill Congress– 17 to 21 January 2013

## La Adelajda Esperanto-klubo-

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato (krom januaro) en Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.
Zamenhof-tago en decembro (11 esperantistoj).

ADELAJDA ESPEREJO

**Legogrupo.** En la Ŝtata biblioteko kunvenadas ĉiun ĵaŭdon
Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375

# Informo

## Sydney Language Festival 2013



La NSK federacio havas agadplanojn por venonta jaro. Ni organizos lingvan festivalon en majo en la Internacia domo de la universitato de Sidnejo. Kaj mi jam komencis krei la retejon por tiu evento, Amike, Nicole vidu:
http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

## Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni forgesas?

## LETEROJ de la legantoj






Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Dankon RS. Ĉu vi jam rompis iujn el viaj novjaraj decidoj? Vera P

Ĉu estas sava reto? Mi ne deziras spekti, se ne estas savreto! Henriette Vanechop. Ne estas ia Esperanto. Senlingva spektaĵo http://www.youtube.com/watch_popup?v=W3yBvamQVJE&vq=medium




# KAJ ŬULUMULU

Kvankam Ginger Mick kaj la sentimentala viro unuafoje aperis en "little Lon" (Strato Lonsdale en Melburno), Dennis skribis, tamen, en *A book for kids*, "Libro por Bubetoj"(?):

Here's a ridiculous riddle for you:
How many o's are there in Woolloomooloo?
Two for the W, two for the m.
Four for the l's, and that's plenty for them.

Jen ebla langtorda traduko:

JEN RIDINDIGA ENIGMO, KUKU'!
KIOM DA "U"OJ EN ŬULUMULU?
UNU POR "ŬU", KAJ UNU POR "MU",
KAJ POR LA "LU"OJ SUFIĈAS NUR DU!

Max Wearing.

Saluton Max
Mi estas veladisto kaj eĉ posedas patenton de jakta kapitano. Ĉu vi eble konas personon kiu veladas kaj eble serĉas ŝipanaron . Mi amas maron kaj volus veladadi - eĉ ŝipanaron mi estus utila. Laŭ profesio krom patento mi estas instruisto en Universitato .
amike Wieslaw Pollando



# La Instituto de Modernaj Lingvoj,

Al ĉiuj, saluton!
Antaŭ kelkaj monatoj mi anoncis en ĉi tiu novaĵ-letero, ke en januaro/februaro de 2013 mi instruos bazan kurson pri Esperanto ĉe la Instituto de Modernaj Lingvoj, kiu estas parto de la Universitato de Kvinslando.



Nu, mi ĵus ricevis la informon, ke bedaŭrinde neniu aliĝis al la kurso kaj do la kurso estis nuligita. Ega bedaŭrindaĵo...
Sed malgraŭ tio, mi ankoraŭ opinias, ke la afero estis granda sukceso por Esperanto multkiale. Multe da homoj unuafoje eksciis pri Esperanto kaj kelkaj eĉ eklernis Esperanton dum la prov-leciono la pasintan aŭguston.
Instituto de Modernaj Lingvoj nun havas en sia biblioteko lernolibron kaj vortaron de Esperanto kaj ankoraŭ ekzistas la ebleco (tamen malgranda), ke estontece Esperanto estos instruita ĉe la universitato.

Mi volas kore danki ĉiujn, kiuj helpis min pri la kurso, precipe Dianne Lukes kaj Hazel Green. Koran dankon pro ĉio! Mi gajnis multon pro ĉi tiu sperto kaj mi klopodos uzi tion, kion mi lernis estontece por la bono de Esperanto. :)

Ĉiam amike kaj kore,
~ Crystal Hill

# Du koreaj esperantistoj (patro kaj filo) vizitos nin

Estimata Max. 05/01/2013
Saluton. Du koreaj esperantistoj (patro kaj filo) surteriĝos je la 08:15 en la 12-a de jan. 2013 per HH139 en Adelaide, kaj forlasos Aŭstralion je la 15:40 en la 5-a de feb.2013 de Sidnejo.
Ili volas viziti la urbojn Adelaide, Melburno kaj Sidnejo. Ĉu vi povus doni informon por ilia restado en Aŭstralio por gastiĝo kaj akompano. Se jes, bv, doni informon al mi.
Sincere via, Jungkee

Estimata Jungkee,
Viaj amikoj elektis bonajn datojn por konatiĝi kun aŭstraliaj esperantistoj. Je la 12a de jan, okazos kunsido de almenaŭ kvin esperantistoj en la apartamento de mi kaj mia edzino, Beth. Gvidos Brendan Linnane, spertulo pri pluraj lingvoj, precipe la angla, la germana, Esperanto, la pola, kaj la mandarina (sed bedaŭrinde ne la korea). Nia apartamento (81) situas je la 8a etaĝo de numero 9, East Terrace, ADELAIDE ne longe for de la ROYAL ADELAIDE HOSPITAL en North Terrace, kie situas haltejo de buslinio de la flughaveno. Sed eble viaj vizitontoj preferus alveni per taksio, kiu kostus proksimume $20 aŭ $30. La flughaveno situas tre proksime al la urbocentro.
La sekvontan jaŭdon, la 17an de jan komenciĝos Aŭstralia Esperanto Asocio kongreso, kiu daŭros

ĝis la 21a de jan.
Jen ret-adreso de ĉiusemajna aŭstralia E-novajletero, *Aŭstraliaj Esperantistoj*, en kiu vi povus anonci la itineron de viaj amikoj kaj legi la datojn de diversaj E-aranĝoj en la urboj, kiujn ili vizitos.
Dankon pro via mesaĝo. Bv sendi pli da informoj pri viaj amikoj, kaj fari pli da specifaj demandoj, se vi volos.
Sincere, Max Wearing

# Japana Esperanto-Populariga Asocio (EPA)

Miaj geamikoj esperantistoj de Oomoto Internacia, S-roj Takashi Agou kaj Tosxiomi Okuuaki skribas:

"Profitante tiun ĉi okazon mi kunsendas al vi la 1-an informilon pri la 90-jara evento memore al la datreveno de la fondiĝo de EPA en Kameoka, de la 31-a de majo ĝis la 5-a de junio en 2013.

Estus feliĉe, se aŭstraliaj e-istoj povus ĉeesti en tiu memoriga evento kaj ekhavi amikan rilaton kun oomotanaj e-istoj, kiuj supozeble kolektiĝos en la evento ĉirkaŭ 150 japanaj personoj kun 50 eksterjapanaj e-istoj."

Amike, Marumi Smith

(Torquay Esperanto Kafo Klubo)

90-jara datreveno de la

la Unua Informilo 90-jar

